# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-1252-31-0204011961**
**admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo

# Grava alvoko

Jen ni staras sojle de la 64a Hispana Kongreso de Esperanto, en kiu la membraro de Hispana Esperanto-Federacio devos elekti novan Estraron.

Jam de longe la ĝisnunaj Prezidanto kaj Sekretario plurfoje informis pri sia decido ĉiaokaze ne rekandidatiĝi. Tamen, ĝis nun, ekzistas neniu kandidato al du el la plej gravaj postenoj: la prezidanteco kaj la sekretarieco.

Estas bedaŭrinde ke la Statuto de la asocio ne antaŭvidas solvon por la okazo ke la Ĝenerala Kunsido ne povos elekti kompletan Estraron. Sed oni povas ja facile konjekti ke, manke de direktado kaj administrado, Hispana Esperanto-Federacio sendube fariĝos neaktiva.

Cetere, estas evidente ke se Hispana Esperanto-Federacio ne plenumos siajn devojn, ĉefe en rilato al la ŝtataj institucioj, ĝi aŭtomate perdos la statuson de "Publikutila Asocio". Kaj, se la ne ekzisto de kompleta gvidorgano persistos, la tuta asocio riskos kolapson kaj eĉ sian malaperon.

Memoru, ke ĉiuj membroj de Hispana Esperanto-Federacio havas la samajn devojn kaj rajtojn, tiel ke ĉiu persono povas esti kandidato.

Mi esperas ke la membroj de HEF konsideros la nunan "krizan" situacion vidante ĝin el ĝia pozitiva flanko: Necesas novaj homoj por doni novan impulson al la organizita Esperanto-movado en Hispanio.

Proponu vin kiel kandidaton ĉe la Centra Oficejo.

*Miguel Ángel Sancho, Prezidanto*

# La aventuroj de HEF kontraŭ la burokrataj muelejoj




Ĉi-foje jen feliĉa fino: la Ministerio pri Kulturo aljuĝis al HEF la kvanton de 3000 eŭrojn cele al la disvolvo de la Projekto Kiĥoto-2005.

Ja, mi scias: nekredeble! Ĉu eble temas pri eraro? Ion tian ni pensis preninte la leteron el la poŝtkesto. Kiam iu oficiala instanco leteras al la oficejo, kutime temas pri tio, ke jen mankas iu plenumenda formalaĵo, jen ni devas revizii la prezentitan konto-etaton ĉar io ne kongruas, jen simple ni ne rajtas pri tio ĵus petita...

Tiel okazis ĝis nun, kiam HEF petis ian subvencion. Nenia rezulto. Ni rikoltis nur ĉagrenon pro la perdita tempo kaj frustron pro la konstato, ke aliaj organizoj kun projektoj ne pli interesaj ol la niaj ja atingas la monhelpon. Ĉu ni neniam trafos la ĝustan klavon? Ĉu entute penvaloras ion atendi de oficialaj instancoj? Ĉu ne prefere ni kalkulu nur je niaj propraj rimedoj, eĉ se malgrandaj, ĉar almenaŭ tiel ni ne malŝparos tempon kaj forton?

Nu, danke al la insisto kaj persisto de Toño del Barrio, HEF ne deklaris sin venkita. Malgraŭ la jam delonga elreviĝo de la ceteraj kunlaborantoj, li pretigis dosieregon, prezentis ĝin al la Komisiono pri la 4a Centjariĝo kaj poste al la Ministerio pri Kulturo, kaj... ŝajne li trafis la ĝustan klavon: sendi Donkiĥoton batali kontraŭ la burokrataj muelejoj!

Kaj ŝajne li pravis: temas do pri tio, ke ni aktivu en la senco ŝatata de la koncernaj aŭtoritatoj. Ĉi-kaze pri kontribuo al la ĝenerala celebrado de la kiĥota jubileo.

Verdire, la aljuĝo nur provizoras, ĉar mankis —ĉu eblas aliel?— kelkaj dokumentoj, kiujn la sekretario jam diligente pretigis, kaj la alĝustigo de la antaŭvideblaj elspezoj al la ricevota kvanto. Ankaŭ tiujn malgrandajn muelejojn certe venkos nia heroa kavaliro.

Aliflanke, HEF ricevis ne nur monan apogon, sed ankaŭ institucian. Ĝi atingis ankaŭ la rajton uzi la oficialan logoon de la Centjariĝo en ĉiaj dokumentoj rilataj al la Projekto. Eblas jam vidi ĝin en la koncernaj paĝoj de la HEF-retejo.

Resume do HEF povas gratuli sin: foje entuziasmo venkas la plej obstinan realon.

*Ana Manero*

# Estrarkunsido

La HEF-estraro kunsidis en sia madrida sidejo la 15an de majo 2005 ekde la deka kaj duono ĝis la dektria horo. Ĉeestis la estraranoj Miguel Ángel Sancho, Pedro Garrote, Augusto Casquero kaj Manuel Parra, plus kvar kunlaborantoj. Ekskuziĝis José María Galofré kaj Miguel Gutiérrez.

Pritraktitaj aferoj:

1- La sekretario laŭtlegas la protokolon de la antaŭa kunsido (29a. jan. 2005, trovebla en Boletín-369), kaj oni ĝin aprobas. Rilate al ĝia punkto pri ebla okazigo de UK-2008 en Valencio, Augusto Casquero informas ke tiu plano aperas malfacile realigebla pro pluraj kialoj, i.a. pro manko de surlokaj kunlaborantoj. Kaj pri la manko de vortaroj, intertempe HEF akiris 40 Lexicón Sopena el Andaluza E-Unuiĝo, do la problemo solviĝis provizore.

2- Informas la sekretario, ke la centra oficejo suferis ŝtelon komence de majo. Malaperis 593 eŭroj, tio estis la enhavo de la kongresa kaso (289) kaj de la ghenerala kaso de HEF (304). Ambaŭ kasoj aperis malplenaj la 5an de majo. Nenio alia mankis, nenio estis malordigita nek perfortita. La pordo troviĝis fermita kaj ŝlosita kiel kutime.

Post enketo al la ses homoj kiuj havas ŝlosilon (inkluzive la pordisto), neniu scias kiel povis okazi la ŝtelo. La sekretario formaligis la koncernan denuncon ĉe la policejo, sed ŝajnas ke la afero restos nesolvita.

Kiel prevento, ni tuj shanghis unu el la seruroj, kaj de nun ni havos en la oficeja kaso ne pli ol cent eŭroj.

3- Pri la baldaŭa renovigo de la estraro, ni plu konstatas ke ĝis nun neniu montris emon okupi la postenojn de prezidanto kaj sekretario. Ni antaŭvidas la eblon, se en Alcalá ne prezentiĝos kandidatoj, ke HEF falos en danĝera fazo pro vakaj ĉefaj postenoj. Se tiel, stariĝus la demando, ĉu indus pritrakti la eventualan malfondon de HEF.

4- Projekto "Kiĥoto-2005" kaj Hispana Kongreso. La disvolviĝo de la Projekto evoluas kontentige laŭ la planoj (vd. apartan raporton). Por la kongreso en Alcalá de Henares aliĝis jam pli ol tridek homoj, kaj la programo aperas sufiĉe riĉa kaj interesa.

5- Informas Augusto, ke ĵus restariĝis la hispana sekcio de ILEI, kun 11 membroj ĝis nun.

Same li informas ke okazos busa komuna vojaĝo al la Universala Kongreso en Vilnius.

La Prezidanto Miguel Ángel Sancho

La Sekretario Manolo Parra

# Eksterordinara Ĝenerala Kunsido

La Eksterordinara Ĝenerala Kunsido de Hispana Esperanto-Federacio okazis la 15an de majo, je la 10a horo, en la HEF-sidejo, konforme al la kunvoko farita pere de la asocia organo, Boletín. Partoprenis ok membroj.

La nura punkto de la tagordo estis: Kontrolo kaj eventuala aprobo de la dokumentaro prezentenda al la Ministrejo pri Enlandaj Aferoj. Oni superrigardis la raporton pri aktivaĵoj en 2004, la bilancon kaj la spezkalkulon, kies resumoj troveblas en Boletín-369. La dokumentojn oni aprobis unuanime.

La sekretario fermis la kunsidon je la deka kaj duono.

*la Prezidanto, Miguel Ángel Sancho*

*la Sekretario, Manuel Parra*

**Kontonumero de HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**




Ĉu vi volas helpi la movadon kaj ne scias kiel?

**Fundación Esperanto**

estas la ...respondo!

**Kontribuu pere de:**

Iber-Caja

**2085-0101-13-0128624762**

La Caixa

**2100-2149-31-0100165085**

## Karaj legantoj

jen viamane la lasta numero de Boletín aperanta sub mia redaktado. Dum pluraj jaroj mi zorgis pri tio ke la bulteno de HEF aperu akurate kaj enhavu interesajn informojn. Krome, eĉ dum multaj pliaj jaroj mi kompostis ĝin. Sed nun alvenis jam la momento transdoni la torĉon, kaj mi forlasas la redaktan postenon, kun la espero ke mia laboro alportis ion pozitivan al nia komuna agado.

Mi dankas pro la ĝenerala komprenemo kaj la ricevita helpo, kaj petas pardonon pro la senvolaj misoj kaj eventuale kaŭzitaj ĝenoj.

Samideane via

*Miguel Gutiérrez Adúriz*

## Alvoko al

## Ĝenerala Kunsido de HEF

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas la membraron al la Ĝenerala Kunsido okazonta kadre de la 64a Kongreso de Esperanto, en Servicio Municipal de Archivo y Biblioteca de Alcalá de Henares, la dimanĉon 10an de julio 2005 ekde la 10a horo, por pritrakti jenan tagordon:

1. Lego kaj eventuala aprobo de la protokoloj de la du antaŭaj kunsidoj.
2. Eventualaj komentoj pri la konto-etato kaj agadraporto de la jaro 2004, jam aprobitaj.
3. Prezento de la jarraporto de Fundación Esperanto en 2004.
4. Eventuala ratifo de la nova statuto de Fundación Esperanto.
5. Elekto de nova estraro.
6. Demandoj, petoj, proponoj.

– Antaŭ 4 tagoj oni pagigis la bankulojn.
← Venontjara Kongresurbo

*La sekretario: Manolo Parra*

---

## 13a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo



**De la 1a ĝis la 8a de Oktobro 2005**

**Calella (Barcelono)**

**Adresoj: Luis Serrano Pérez;**

**Apartado 423; 08200-Sabadell**

**Tel. (+34)-93-727-50-21; Fakse: (34)-93-731-10-31 (ne dum aŭgusto)**

**luis_serrano@mixmail.com**

**www.terra.es/personal5/lserrano2003**



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.



Membroj de KantEA en Fontibre, ĉe la fonto de la rivero Ebro

## Aragono

* En majo, Fernando de Diego estis enhospitaligita. Feliĉe, Lorenzo Noguero informas jene pri lia iom post ioma resaniĝo: «Mi montris al li la lastan numeron de "Boletín" (iam li kunredaktoris ĝin), kaj mi legis la plaĉan artikolon "dediĉitan" al li. Krome, mi aldonis, ke multaj esperantistoj daŭre interesiĝas pri li kaj lia sanstato. Mi eĉ parolis iomete en esperanto kaj li respondis kelkajn vortojn. Li montris dankemon al ĉiuj.»

## Eŭskio / Vaskio

Post la apero de la eŭska versio de la esperanta romano "El la vivo de Bervala sentaŭgulo" de Louis de Beaŭcaire tradukita de Aitor Arana kaj eldonita de la profesia eldonejo Hiria, la verkisto Aitor Arana preparas esperantan antologion de siaj noveloj kaj rakontoj originale verkitaj en la eŭska lingvo.

## Kantabrio

* Membroj de KantEA ekskursis en majo al *Montesclaros* kaj *Pico tres Mares*. Survoje, ili ankaŭ vizitis *Fontibre*, kie situas la fonto de la rivero Ebro.

## Kastilio-Manĉo

* Aperis dupaĝa artikolo en la 47a numero de senpaga ĵurnalo "Henares al día" (Gvadalaharo).

* HEF partoprenos denove ĉi-jare en la Maratono de Rakontoj de Gvadalaharo.

<www.maratondeloscuentos.org/maraton/14maraton/presentacion.htm>

## Katalunio

* Centoj de homoj vizitis la standon de Barcelona E-Centro en la 6a Foiro de Asocioj (Firentitats) okazinta en la parko *España Industrial* de la 20a ĝis la 22 de majo. Eĉ la urbestro de Barcelono, s-ro Joan Clos, haltis por foliumi la verkon Donkiĥoto en Esperanto.

* La 57 IFE-Kongreso en Brasov, Rumanio, estis tre sukcesa. Ĉeestis pli ol




La Urbestro de Barcelono, Joan Clots, scivole foliumas Donkiĥoton en Esperanto.



Martí Guerrero reprezentis Hispanion en la IFE-Kongreso okazinta en Rumanio.

270 homoj el 22 landoj. Nome de Hispanio, salutis s-ro Martín Guerrero.

* Ĉiuj aliĝintoj al la 13a Semajno de la Kulturo kaj Turismo, okazonta en Calella, ricevos ekzempleron de la verko Donkiĥoto. Oni atentu ke ĉi-jare, gejunuloj, maksimume dudekkvin jarojn aĝaj, povas aliĝi senpage. Ankaŭ ili ricevos donacekzempleron de Donkiĥoto.

La redaktoro de la revuo Esperanto de UEA, s-ro Stano Marĉek inaŭguros la Semajnon per la prelego "100 jaroj de la Revuo Esperanto".

* Barcelona E-Centro prezentos en la 64a Hispana Kongreso du verkojn: "Esperanto en Katalunio" de Antonio Marco Botella, kaj "Mia vivo, mia granda lukto kaj mia apogilo" de Trinitan García en la E-traduko de Martín Guerrero.

* La 7an de junio la Grupo Aŭroro festis la finon de sia E-kurso pere de ekskurso.



Babilado en BEC-Casinet: La drogoj kaj iliaj konsekvencoj.

* "La drogoj kaj iliaj konsekvencoj".estis la temo de la Babilado okazinta Ĉe BEC-Casinet la 10an de aprilo kun partopreno de 21 homoj. La sekva Babilado okazis en Premià de Mar pri la temo "Televido kiel socia fenomeno", kaj ĝin ĉeestis 36 personoj. La sekva Babilado, kies temo estos "La naturo, la homo, la malsato" okazos la 19an de junio en la Vegetarana Centro *Deltell* de *Valldoreix*.



Sofia Carbot el Meksikio (side, centre) vizitis la ejon de BEC-Casinet.

Informas: L. Serrano 93.72.75.02; <luis_serrano@mixmail.com>.

*Salvador Aragay*

## Madride

* Ene de la projekto de rekunlaborado de la madrida esperantistaro kun la kultura institucio "Ateneo", la pasintan 23an de majo okazis prelego de Juan A. del Castillo, pri "Ludoj" en tiu asocio.

Juan parolis dum pli-malpli unu horo, lerte kaj profunde, pri afero kiu por multaj povas aspekti surpriza aŭ eĉ neserioza, sed kiu, laŭ li malkovris al ni, enhavas multajn nuancojn kaj profundaĵojn. Li atentigis pri la neceso ke homoj, ne nur infanoj, ludu, kaj pri la graveco de la ludoj, ne nur historie sed ankaŭ en la ĉiutaga nuntempa vivo.

Post la elmontro de la tre diversaj ludoj, li klasis ilin en tri bazaj tipoj: fizikaj, intelektaj kaj virtualaj. Poste, li pritraktis ĉefe la ludojn intelektajn, aŭ strategiajn. Li faris historian kaj geografian vojaĝon,





Juan A. del Castillo prelegis pri "Ludoj" en *Ateneo de Madrid*

kaj menciis diversajn ludojn de tre apartaj civilizoj. De la egiptaj, ĝis la modernaj rolludoj.

Kompreneble, ne povis manki la plej konataj. La kartoj (cetere: kiom da tipoj de kartaroj li montris al ni!), la goo, la parĉiso, kaj, evidente, la reĝo de la tabelludoj: la ŝako.

Juan pruvis sian grandan scion pri tiu tre praktikata sed malmulte konata fako: la ludaro. Kaj li malfermis al ni vojon al tiom ampleksa mondo.

*T. del Barrio*

* Jorge Camacho prezentos hispanlingve al la ĝenerala publiko en "Ateneo de Madrid" siajn du lastajn verkojn, la poemarojn "Saturno" kaj "Celakantoj", la 10an de junio je la 19a horo. Jam anoncis sian ĉeeston Miguel Fernández, konata E-verkisto, kaj Nuria Barrios, aŭtorino de la romano "Amores patológicos", la novelaro "El zoo sentimental" kaj la poemaro "El hilo de agua" (2a Premio de Poezio Ateneo de Sevilla).

## Ĝenerale

* La entrepreno Laura Domínguez S.L. proponas sian retejon pri grafika dezajno en du lingvoj: hispana kaj esperanto. Iam ĝi telefonis al HEF, petante helpon, kaj la asocio proponis kelkajn homojn kapablajn traduki, inter kiuj la entrepreno mem elektis. Vidu la rezulton ĉe <www.lauradom.com>; por eniri kliku la dekstran blankan punkton.

*Manolo Parra*

* Fine de majo aperis la pdf-formata versio de la 66a numero de *Kajeroj el la sudo*, ĉe du jenaj retejoj:

http://213.172.47.3/gazetoteko/

www.gazetoteko.com

*Jesuo de las Heras*

* Katalogo de Viajes Halcón informas al sia klientaro, ke oni ne povos certigi loĝadon en Vilnius inter la 20a kaj 30a de julio, ĉar en tiu urbo okazas Universala Kongreso de Esperanto.

*Lupe Sanz-Bueno*

* Radio Polonia elsendis, en sia programo de la 27an de majo, intervjuojn faritajn al Antonio Valén kaj Miguel Gutiérrez. Memoru ke oni povas aŭskulti ĉiujn programojn, eĉ se ili estas malnovaj, ĉe la retejo: <www.radio.com.pl/polonia/eo/>.

---

# Grava por lernantoj

La Loka Kongresa Komitato decidis krei novan kategorion por ĉeestantoj al la Kongreso de Alcalá: tiun de "lernantoj".

Povas profiti de tiu kategorio homoj kiuj dum tiu ĉi lernojaro (t.e. ekde septembro 2004) lernas la lingvon en iu ajn kurso, ĉu ĉeesta ĉu virtuala. Por tion pruvi, necesas atestilo de la instruisto aŭ de la zorganto de la virtuala kurso.

Tiu nova kategorio celas kuraĝigi novajn esperantistojn partopreni en la movadaj agadoj, doni ŝancojn por ke ili ekuzu la lingvon kaj pruvi al ili ke Esperanto estas praktike uzata. La kotizo por lernanto estas de 10 eŭroj. Tio donas rajton al la partopreno en ĉiuj aktivaĵoj de la kongreso, sed ne al la ricevo de la materialo kiun oni donacos al la plenrajtaj kongresanoj.

Oni petas la instruistojn kaj respondeculojn de lokaj grupoj disvastigi tiun ĉi informon kaj kuraĝigi siajn lernantojn partopreni la Kongreson.

*T. del Barrio*

# Plenumante la projekton

Jen plia paŝo de nia kiĥota marŝado tra la projekto "Kiĥoto 2005" survoje al la pinta evento, nia kongreso en Alcalá de Henares. Kiel vi scias, "Kiĥoto 2005" estas iniciato de HEF por kunomaĝi la 4an centjariĝo de la unua eldono de la senmorta verko de Cervantes.



La agadon konsistis prelego de Toño del Barrio pri la esperantaj tradukoj de "Don Quijote", en la hispana lingvo. Ĝi okazis la 30an de majo en Madrido, en la municipa kultur-centro "José de Espronceda" en norda kvartalo. Ĝin ĉeestis dudeko da homoj, da kiuj proksimume duono estis scivolemaj ekster-movadanoj, precipe emerituloj. Bedaŭrinde la evento ne altiris pli da atento; tamen, la nombro da ĉeestintoj estis tre normala por tiaspecaj kulturaj prelegoj.

Toño parolis —tiel brile kiel ĉiam— pri la revo traduki la kiĥoton, kiu akompanis la hispanan e-movadon ekde ĝia naskiĝo. Sur la projekciekrano aperis pluraj pioniroj, inter ili Frederic PujulÓ aŭtoro de la unuaj tradukoj pri la aventuroj de donkiĥoto en Barcelono. Kaj la ekstazo alvenis kun Fernando de Diego kaj la raporto kiun faris Toño pri lia vivo kaj kompetenteco. Ankaŭ estis vico por paroli pri aliaj kiĥotoj, kiaj tiuj "Verdaj donkiĥotoj" far Julio Baghy.

La fino de la prelego vicigis debaton, kiun verve partoprenis kelkaj neesperantistoj kies scivolemo tuŝis plurajn trajtojn de la lingvo.

*Manuel Pancorbo Castro*

---

## Barcelona Esperanto-Centro organizas

kunvenon por BEC-membroj kaj gesamideanoj sub la nomo:

**4aj Someraj Dialogoj Esperanto-Restadejo**

10an kaj 11an de septembro

Camí del Pou 9; 08691 Monistrol de Montserrat; Barcelono

Informas: S. Aragay, Tel: 93.333.80.81 kaj 93.645.404.755






22a Printempa Staĝo de CBE en Agde, Francio, en majo 2005.

* Ĝis la 1a junio entute 2040 kongresanoj el 60 landoj aliĝis al la 90a Universala Kongreso de Esperanto en Vilno (23-30 julio 2005).

* La individua membraro de UEA kreskis en la unuaj monatoj de la nuna jaro. Ĝis la 31a de majo UEA estis registritaj 312 pliaj membroj ol en la sama dato pasintjare.

*GK de UEA*

* La kantisto de muzik grupo "La rolls", Dennis Rock Tamba, estis "resendita" al sia hejmlando, Kongo, meze de majo. Dennis vivis dum 16 jaroj en Germanio kaj tie li havas filon.

* Joe Bazilio Costa, esperantisto el Formiga, Brazilo, ricevis permeson de Claude Piron por fari la filman version de "Gerda malaperis". Li baldaŭ prezentos retejon por detale informi, eĉ pere de fotoj, pri la progreso de la filmado.

*Ĉielismo*

* Sepdek studentoj lernos Esperanton ĉi aŭtune pere de unika interreta universitata kurso, organizita de la sveda universitato de Umeõ.

*Kalle K.*

* 16a MKR (MontKabana Renkontiĝo) okazos inter 22a kaj 25a de septembro en vilaĝo Baske Ostarije, 18 km for de la marbordo, sur monto Velebit en Kroatio. Ĝi estas arangxo por E-naturemuloj kaj mont-migrantoj. Informas:

www.angelfire.com/va2/Vanja/index.html

*Vanja Radovanovic*

* La retejo de Sveda E-Federacio daŭre estas unu el la plej popularaj e-retejoj. Ĝi jam sukcesis ricevi 7 milionojn da vizitoj, t.e. pli ol 1 milionon ĉiujare.

*Franko Luin*

* Pli ol 30.000 vizitojn monate ricevas la retejo Lernu.net, kie eblas studi Esperanton en 24 lingvoj. Ĉi projekton financas la organizaĵo Esperantic Studies Foundation. Tra la popularega ret-serĉilo Google disvastiĝos reklamo pri Lernu.net, ĉar fine de marto la teamo de la retejo gajnis konkurson de Google pri senpaga reklamo.

*M.Z.*



* La japana zamenhofologo Ito Kanzi, editoro de Plena Verkaro de Zamenhof kaj de la inkunabloj de Esperantola mortis la 25an de aprilo.




Reklamoj pri Esperanto-kursoj aperos en la populara retserĉilo: Google.

QVI-
XOTE
IV CENTENARIO

## Hispana Esperanto-Federacio

**www.esperanto-es.net**

**admin@esperanto-es.net**

## 64a Hispana Kongreso de Esperanto

Jen mapo indikanta la situo de la ĉi-jara kongresejo







# IJK

La Internacia Junulara Kongreso okazos de la 31a de julio ĝis la 7a de aŭgusto 2005 en Zakopanc (Pollando).

Zakopane estas unu el la plej belaj turismaj urboj sude de Pollando, en Tatry-montaro, en la centro de Eŭropo. Ni volas, ke niaj gastoj povu iom sperti la lokan kulturon, ekzemple rigardi montaran arkitekturon aŭ gustumi tradician ŝaffromaĝon.

Cetere, se vi volas pasigi tutan E-feriadon, vi povas unue partopreni UK-n en Vilno, poste veturi al Zakopane kaj finfine viziti IJS-n en Hungario. Jen absolute unika ŝanco, des pli ke ankaŭ interloka vojaĝado estas facila!

La temo de la kongreso estas "Unueco en diverseco". Ni volas diskuti la plej gravajn aspektojn de egalrajteco. Ni interparolos pri lingvoj, minoritatoj, handikapuloj, religioj...

Estos prelegoj, kursoj, interkonaj okupoj, ekskurso tra la urbo kaj koncertoj de loka folklora muzikgrupo kaj pola rok-muzika grupo, speciale por ni koncertos "Esperanto Desperado". Okazos tuttagaj ekskursoj. En la urba parko okazos Lingva Festivalo kaj koncerto de bonkonata franca kanzonisto JoMo. Ankaŭ koncertos iom ekstremeca Esperanta rokmuzika grupo el Pollando "Krio de Morto". Estos tago de religioj, teatraj spektakloj kaj handikapuloj...

Cetere estos ekskurso al Auschwitz Birkenau, dummilita hitlera koncentrejo, kie oni ekstermis pli ol unu milionon da homoj. Alternative oni povos viziti la salminejon en Wieliczka (Vjeliĉka), kien ekskursis ankaŭ Zamenhof dum UK 1912 en Krakovo. Dum reveno el la salminejo okazos vizitado de Krakovo, iama ĉefurbo de Pollando. Krome por natursatantoj estos ekskurso al la Nacia Parko de Tatry-montaro.

Krome okazos la seminario "Flugiloj" por junaj instruistoj de Esperanto kaj ankaŭ "E@I" seminario pri populariga-do de Esperanto en Interreto. Kaj aldone: kursojn pri la pola lingvo, pri gestlingvo, pri pentrado sur vitro kaj pri taiĉio. Ĉiuvespere funkcios kongresaj kafejoj kaj oni povos spekti filmojn en E-kinejo.

La alta protektanto de IJK estas la prezidento de Pollando, Aleksander Kwaoniewski.

# El Grazynka kun desegnoj

QVI-XOTE
IV CENTENARIO





Iun tagon mi ricevis mesaĝon de Augusto Casquero kun noto "Eble tio estos interesa por vi". Mi eklegis informon pri desegno-konkurso "Tia mi vidas Don-Kiĥoton": Limo de aĝo: 14 j, sed de kiom da?

Nu, mi kvaran jaron laboras kun samaj infanoj kaj opinias, ke multaj el ili bele desegnas kaj lerte pensas. Do mi promesis partopreni la konkurson, sed poste mi rimarkis, ke la libro estas malfacila por tiom junaj personoj. La lingvo de DonKiĥoto estas malfacila kaj ja mi ne povis rakonti ĝin, ĉar jam mi donus propan opinion.

Sed mi riskis — mi eklegis fragmentojn de la libro.

La infanoj volonte aŭskultis, ridis kiam necesis, do mi pensis: Feliĉe ili komprenas!

Tuj poste mi demandis: ĉu vi ŝatas la personon? Pro kio jes — ne?

La infanoj mem elektis teknikeron.

Ili sekvonfoje mirigis min: ili kaptis tion, kio vere gravas.

Mi eksciis de Ana Manero, ke "miaj" infanoj estas la plej junaj, kiuj partoprenas la konkurson, sed kaj la desegnoj kaj la opinioj estas vere konvenaj.

Mi informis pri ĉio la gepatrojn de la infanoj kaj devis multe klarigi, kiamaniere eblis partopreni iun konkurson en malproksima Hispanio.

Tiamaniere la konkurso estis ankaŭ bona propagando por Esperanto.

*Grazynka (Pollando)*

# Muziko




## Rebela sono

### Dolchamar

Post longa periodo sen nova produkto vere roka, ke Dolchamar alvenas por rompi la silenton vere estas mirige. Dolĉamar, kun "cx" antaŭe, navigis inter iom eksterteraj sonoroj kaj hezitaj impetoj inter teknoo kaj pli kutimaj ritmoj. Hodiaŭ aperas tute nova Dolchamar, kun "ch" anstataŭ "cx", sed ankaŭ novaj muzikistoj kaj muzika direkto tute alia ol tio pri kio ili kutimigis nin.

Kvankam aŭdeblas ankoraŭ kelkaj eĥoj de la antaŭ Dolĉamar, la bando fariĝis firme roka, solide strukturita, kaj eble pli grava en la klopodoj por la tekstoj kaj muzika investo. La kerna ideo de la albumo estas "ke kune eblas ĉio", kaj pere de voĉo bone regata Patrik, la kapulo, kantisto, kaj aŭtoro des la tekstoj, tion diras al ni en esperanto flua kiel poezio.

Ŝajnas ke la bando fariĝis relative populara en Finnlando, laŭ la nombro da intervjuoj kaj publikaj koncertoj, kaj tio eĉ ekster la esperanta mondo, tiel helpante la disvastigon de la lingvo kaj ĝia ideo.

Tiu artista metamorfozo kaj la elekto de la eko de la jaro por ĝuigi nin pri tio, ja estas simbola, kaj antaŭsignas la agnoskadon de la bando kiu nun fariĝis mejloŝtona.

Dolchamar plenmezure demonstris sian sindonemon al esperanto kaj je kio ĝin inspiris; kaj kvankam la bando vere profesiiĝis, la engaĝiĝo de la unuaj tagoj restas integrala, kaj la sonoroj ĉiam tiom belaj kaj ribelaj.




## Lokomotivo, rulu nun!

## Kajto

Jen baldaŭ 16 jaroj de kiam Kajto produktis sian unuan albumon, Flugdrako, kiu ne nur estis la unua KD, sed ankaŭ la unua "vera" disko iam profesie surbendigita de muzikgrupo kantanta en esperanto.

Kial ne diri ke ili estas la aŭtentaj pioniroj de movado kiu ne ĉesas grandiĝi; kaj malgraŭ kariero de preskaŭ du jardekoj, ilia stilo konstante restas referenco, kaj ilia sperto tiom en studio kiom sursceneje sentiĝas pli ol iam tra tiu ĉi kvina k-disko de la bando.

Kajto ĉiam restis fidela je muziktemaj historioj, rakontante en ĉiu albumo historion bildigitan de impetaj akordionoj, banĝoj, bekflutoj, gitaroj, mandolinoj, kaj ŝalmoj, ĉiuj instrumentoj ludataj kun brilo en pure popolmuzika tradicio el Frislando (Nederlando) kaj aliloke, kaj ornamita de tiom brilaj koruskantoj.

Ĉi nova albumo ne esceptas la regulon, kaj parolas pri trajnoj laŭ ĉiuj aspektoj. Vaportrajnoj, miniaturtrajnoj, trajnvojaĝado, fajfado kiel trajno, stacidomaj haloj, vagabondaj muzikistoj kiel Cisco Houston aŭ Woody Guthrie... Neniu faceto de tiu mondo de vibranta metalo eskapis al ili, kaj tiuj kiuj volas vojaĝi estas kore invititaj tion fari. Sed atentu! Ne kliniĝu el la fenestro!

Pluraj tekstoj en la albumo estas verkitaj de nia bordoza amiko Marcelo Redoulez. Kajto honorige gratulita pere de la 9a kultura premio de FAME kiujn ili ricevis de la mano de la urbestro de la germana urbo Aalen en oktobro 2004, kaj tiu ĉi albumo estas prezentita kiel donaca danko. Parto de la kantoj estis surbendigitaj vive la 11an kaj 12an de aprilo 1988 okaze de la paska renkontiĝo kun partopreno de la ĉeestantoj en Broek en Frislando!

Aŭskultu fragmenton de ambaŭ diskoj ĉe: <www.vinilkosmo.com>

*Vinilkosmo*

# Pri Skoltismo kaj Esperanto



En la fruaj jaroj de la skolta movado, ties fondinto, la brita lordo Robert Baden-Powell, verkis la libron Scouting for Boys (Skoltado por Knaboj). En la libro li rekomendis Esperanton kiel patrola sekreta lingvo. Li skribis jene:

"Se vi deziras uzi sekretan lingvon por via patrolo, vi devos eklerni Esperanton. Ĝi ne estas malfacila, kaj oni ĝin instruas en libreto tre malmultekosta, ĉirkaŭ unu penco. Ĉi tiu lingvo estas uzata en ĉiuj landoj el la mondo, tiel vi povos uzi ĝin nun ankaŭ eksterlande."

La unua paŝo por fondi grupon de Esperanto-parolantaj skoltoj okazis en 1918. La nuna Skolta Esperanto-Ligo estas la daŭriganto de la longa tradicio de skoltismo partnerante kun Esperanto.

Mi estis 34-jarulo kiam la 14a Monda Ĵamboreo okazis en Lillehammer, Norvegio. Kune kun Ko Hammer, Ĝenerala Sekretario de SEL, kaj John Bergreen, nia prezidento, mi havis la honoron reprezenti SEL oficiale en la ĵamboreo.

La aventuro komenciĝis kiam mi alvenis en Oslo el mia hejmlando, Usono. Tie, Bergreen renkontis min ĉe la aerhaveno, kaj ni veturis aŭtomobile al lia hejmo en bela park-aspekta antaŭurbo de Oslo. Ni tuj amikiĝis, babilante pri skoltismo, la E-movado, kaj la ĵamboreo. Je la sekvanta tago, alvenis Ko Hammer el Nederlando, Frumatene, ni aŭtis al Lillehammer.

Ni havis nian malgrandan tendarejon ene de la granda tendarejo por altranguloj de la diversaj landaj asocioj kaj de la tutmonda skolta movado. Kune kun la gravuloj de la movado, ni manĝis en la grandega manĝejo. Kaj ĉiutage ni vizitis la tendarejojn kie la diversaj naciaj grupoj havis siajn ĉefsidejojn.

Kelkfoje ni renkontis aliajn E-parolantajn skoltojn, kaj ili akompanis nin disdonante faldfoliojn kaj broŝurojn kiuj prezentis la vivantan aktualecon de Esperanto. Inter ni, en nia eta grupo, la

---

Delegito de SEL en Hispanio:

Luis Gilperez Fraile

Aptdo Postal 7131

E 41080 Sevilla

luis@riskoes.com

---

51. KIE ESTAS LA NORDO ? (1)

Metu vian horloĝon sur la teron.
La malgranda montrilo estu en la direkto de la suno.
Precize inter la malgranda montrilo kaj la nombro "12" estas la Nordo (aŭ la Sudo).




El la lernolibro "Ĵamborea lingvo" de J. K. Hammer verkita por skoltoj

lingva problemo tutfacile jam solviĝis. Kaj ni ne povis ne vidi la diferencon en la "ekster-Esperantia" skolta movado, kie en ĉiu momento okazis problemoj pro la manko de komuna lingvo.

Post la ĵamboreo, ni reiris al Oslo, kaj pasigis belan someran tagon kune. Estis varme, kaj ni bezonis malvarman trinkaĵon kaj etan manĝaĵon por refreŝigi nin. En malgranda manĝaĵ-vendejo ni babilis inter ni. Subite, mezaĝa virino alproksimiĝis. "Ĉu vi parolas Esperanton?" ŝi demandis. Kaj ĉi tiel ni renkontis membron de la Oslo E-klubo kiu hazarde estis en la vendejo kaj aŭdis nin babili en Esperanto.

Mi ŝatus diri, ke la skolta E-movado prosperis dum la preskaŭ cent jaroj de ĝia ekzisto, tamen mi devas raporti ke, kiel en multaj aliaj sferoj, nia bonfarto varias laŭ la tempo, kaj mil subtile ŝanĝantaj kondiĉoj. Ne nur la Skolta Esperanto-Ligo ne prosperis, ankaŭ la skolta movado ĝenerale ne tre bonfartas, aparte en Usono, kie antaŭe skoltismo estis tre forta.

SEL tamen ekzistas ankoraŭ, kaj ni klopodas kuraĝigi la seriozan konsideron de Esperanto fare de la ĝenerala skolta movado. Skoltismo estas ĉe-baze movado kiu emfazas amikecon kaj fratecon inter junuloj de ĉiuj landoj. Esperanto estas la perfekta ligilo kiu ligu skoltojn de ĉiuj landoj forte kuni.

Por pluraj informoj pri SEL, inkluzivante liston de naciaj reprezentantoj, kaj la surretan *La Skolta Mondo*, nia gazeto, vidu:

<http://www.geocities.com/skolta_esperanto_ligo/> kaj

<http://www.esperanto.org/skolta/>

Nur unu Universalan Kongreson mi havis la plezuron ĉeesti, kaj tiu estis en Madrido, en 1968, mia unua eksterlanda vojaĝo. Tie mi renkontis la afablecon kaj varmecon de multaj hispanaj Esperantistoj, kiujn mi renkontis. Neniam mi forgesos tiujn tre feliĉajn tagojn en Madrido. Elkore mi salutas kaj bondeziras al la hispanaj Esperantistoj.

*Allan Fineberg (Usono)*

# Esperantistoj denove en Euroscola

Eŭropa Amikeco, renkontiĝo de E-lernantoj el EU, okazis en Strasbourg de la 30a de aprilo ĝis la 4a de majo.

La renkontiĝon partoprenis grupoj el Kimito (Finnlando), Maribor (Slovenio) kaj apartaj homoj el Ĉeĥio kaj Francio.

Oni intense plulernis Esperanton, preparis kulturprogramojn kaj amikis dum ekskursoj. La 3an de majo la partoprenantoj vizitis la Eŭropan Parlamenton kaj lernis pri eŭropa politiko. En la parlamentejo okazis simulita kunveno de la Eŭropa Parlamento por gimnazianoj. Tie ne estis programo en Esperanto, ĉar temis pri oficiala evento de la Eŭropa parlamento, Eŭroscola. Tamen la preparoj okazis en Esperanto.

Por kelkaj partoprenintoj la renkontiĝo estis la unua okazo en kiu ili parolas Esperanton. En la preparprogramo estis interalie prelego de Dieeter Kleemann pri Ruando, kaj enkonduko al la historio de la Eŭropa Unio. Estis ankaŭ arangita intensa kurso de Esperanto laŭ la Zagreba Metodo, en ĉiuj komune lernis.

ĉiuj partoprenintoj ricevis atestilojn de la prezidanto de la Eŭropa Parlamento, Josep Borrell. Post la reveno al Maribor aperis artikolo en slovena tagĵurnalo kaj 10-minuta televida intervjuo. Ĉeforganizanto de la E-partopreno en la projekto Eŭroscola estis Carola Antskog.

*Zlatko Tisljar kaj Anna Ritamäki*

# Leĝpropono pri Esperanto

La kampanjo de Eŭropa Esperanto-Unio, konata ankaŭ kiel "hungaraj rajtoj-eŭropaj rajtoj", celas doni al ĉiuj civitanoj de EU-landoj la rajton, kiun havas hungaraj civitanoj, lerni Esperanton kaj esti ekzamenata pri Esperanto fine de la mez-grada lernado. Ĝi celas kaj gvid-linion de la Eŭropa Parlamento kaj leĝojn en la unuopaj landoj de EU.

Efektive nuntempe oni malpermesas al la junularo de EU formale lerni Esperanton en la lernejo, dum la gnomoj de la edukaj ministerioj kaŝe elektis sen publika diskuto difinitan lingvon, kiu iĝas deviga ĉie.



Estas maldemokrate diri: neniu volas lerni Esperanton. La ekzemplo de Hungarujo, kie oni ja havas la elekton, montras, ke tamen multaj volas lerni ĝin.

En tiu kadro estis prezentita al la itala Parlamento la 10an de marto leĝpropono, kiu nun ricevis la numeron 5714 kaj aperis en la presitaj parlamentaj dokumentoj.

Ĝin prezentis la deputitoj Barbieri, Ranieli kaj Mereu, kaj ĝia tuta titolo estas: "Normoj pri la aliro al la studo kaj uzo de la internacia lingvo Esperanto".

La ĉefa artikolo estas la unua, kiu asertas, ke "Inter la elekteblajn fremdajn lingvojn en la ŝtataj devigaj lernejoj oni enkondukas Esperanton."

Kompreneble nun devas okazi tuta prem-kampanjo ĉe la italaj parlamentanoj por ke la propono estu efektive diskutata kaj aprobata. Eble la Universala Kongreso en Florenco en 2006 kaj la kunligitaj inform-laboroj povos helpi.

*Renato Corsetti*

---

## Atentu

Alvenis al la redaktejo de Boletín, bedaŭrinde iom malfrue, la informo pri la jarkotizo de HALE por 2005 (Kajeroj el la Sudo). Ĝi estas **10** eŭroj. Cetere bone notu la novan numeron de ĝia banko-konto:

2043-0138-14-090-0020403

---



Jen du el la desegnoj ricevitaj por la Internacia Desegno-Konkurso organizita de HEF sub la moto: "Tia mi vidas Donkiĥoton".

En la Hispana Kongreso en Alcalá, la partoprenantoj povos viziti ekspozicion kun la desegnoj ricevitaj el pluraj landoj.

Foje la desegnoj prezentas al ni tute alian bildon ol tiu jam konata.

Aliaj kulturoj...

---

**Vi estas grava!**

**Vi estas parto de la movado**

**Aliĝu al HEF**
**Partoprenu en la Kongreso**

---

# Vivo intelekta en Saturno




saturno:
poemas bilingües / dulingvaj poemoj
de Jorge Camacho
Eldonejo Bero, Roterdamo 2004

Post kelk-jara silento, almenaŭ libro-forma, la adopta madridano Jorge Camacho reaperas sur la panoramo de la esperanta literaturo per du sam-tempaj kaj paralelaj poemaroj: *saturno* —du-lingva eldono hispana-esperanta, aŭ inverse— kaj *celakantoj*. Ambaŭ volumoj kolektas la leonan parton de lia poezia produktado post la jaro 1989, kaj prezentas al la interesata publiko vastan rigardon, kvankam ne elĉerpan, super la spronoj kaj vitalaj zorgoj instigantaj la iaman teror-infanon —ve al li, ne plu infanan...— de la esperanta marĉeto.

En la volumo *saturno*, pri kiu mi okupiĝos, la aŭtoro fiksas siajn principojn kaj sent-koordinatojn pri plej diversaj aspektoj de la ekzistado kaj (mal)evoluo, ne nur homaj: de socia alieniĝo al detru-imuna mirego pri la universa teksturo kaj strukturo, kun disgutaj haltoj ĉe motivoj pli intimaj, i.a. amoro, soleco aŭ nostalgio.

Pluras la manieroj, per kiuj la poetoj malvualas mond-facetojn nevideblajn por la okuloj de ordinaraj neinicitoj. Ekzemple, la eŭska Jon Mirande —bardo natur-dotita per long-atingaj anim-okuloj— montras al horizontoj nete transcendaj. Lin ne korsetas la prema trud-kitelo de sensoj kaj spertoj; lin oscedigas nia "mondo de iluzioj, supraĵa kaj teda"; li fajfas pri raci(ism)a sciado, sufokinta "la prahoman intuicion". Mirande ribelas, kaj liveras propran, intraan, mem-konscian interpreton —ja deliran, sed ĉu tio gravas?— pri rutina mondo el bagatelaj aperaĵoj. Temas en-

tute pri ŝamano, pri poeto-magiisto: la natura malamiko de la raciema intelektulo.

Kial do mi mencias Jon Mirande? Simple ĉar Jorge Camacho antipodas... Sed atentu!, ne misrangu: nur lia mond-percepto iras diametre kontraŭan vojon. La ŝtofon, per kiu poeti kaj metafori li trovas senplie antaŭ la nazo: en nokta sak-strato, sur ruga vulkana pejzaĝo, en efemera elektrono, en fosilioj kaj stalaktitoj, aŭ inter la ringoj de Saturno. Li perintelektas kaj konvertas la naturajn elementojn en poeziajn arketipojn, laŭ kiuj li elverŝas siajn sentojn kaj impresojn pri demando esence eterna: nia loko sensignifa en universo ĉiam sama kaj kontinua. Kontraŭ eventualaj akuzoj, ke li vort-ludas per aspraj konceptoj li pravigas sin senapelacie:

.....
Oni rajtas poeti per la vortoj,
sed ne per la konceptoj. Formi rimojn
kaj sonorajn kontrastojn. Metafori.
Tamen oni ne ludu elementojn
(plateno, ŝtal', sulfuro) kaj tumorojn,
kikerojn, fosiliojn, galaksiojn.
.....
[El *Matemoj*]

Lian renesancan, vast-horizontan sci-volon katenas kaj ekscitas ĉia-specaj manifestiĝoj biologiaj, fizikaj aŭ geologiaj. Per diligento propra al pasia entomologo li dissekcas insektojn, pivajn kaj nepivajn, retroiras al pratempo por serĉi netrovitan ĉeneron, teleskopas galaksiojn kaj mikroskopas partiklojn. Oni memoru pri *La nekredebla ŝrumpanta homo*, klasika filmo usona pri sciencisto, kiu pro akcidenta radiado ekŝrumpas, kaj ankoraŭ pli ŝrumpas, ĝis tia grado, ke li fariĝas infinite malgranda kaj eĉ komuni-pova kun la atomaj partikloj. Nu, ankaŭ Camacho perplekse rilatas al ĉirkaŭa materio, parto-prenas ludadon de karnoj kaj masoj en senĉesa, mirige kontinua ekvilibro:

Min perpleksigas ekzisto kaj vivo.
De pozitron' kaj universo.
De lumbrik', de insekto, de anzino.
......
Sed perpleksigas min pleje
onia neperplekso
......
[El *Perplekso*]

Aŭ:

......
Miraklas,
ke miriadoj, miliardoj da ĉi masoj
da senplumaj strutoj
hastas sur la pavimo sen interkolizii,
sen perdi la ekvilibron.
......
Ali-flanke, oni nomas pozitronio
la kvazaŭstabilan, efemeran kombinon
de pozitrono kun elektron';
atom' ekzota
.......
[El *Pozitronio*]

Tial ke la enhavo estas aranĝita laŭ strikte kronologia ordo, kaj ne ekzemple laŭ motivoj aŭ inspiroj, alternas konceptaj poemoj, pli-malpli alt-flugaj, kun ali-foje banalaj specimemoj pri

kap-al-teraj marotoj: ekzemple, konto-reguligoj kun la ŝatataj malamikoj —de Bush al Silfer, kun halto ĉe la Papo kaj PP1— aŭ kun Dio mem. En tiuj okazoj montriĝas ioma inklino al pamfletismo, eble mapli konvinka ol en aliaj higiene vitriolaj satiroj de la aŭtoro, kiel *La liturgio de l' foiro* aŭ *La Majstro kaj Martinelli*.

En detala postparolo, kronanta la libron, pri la kamaĉa verkaro kaj literatura itinero, Gonçalo Neves rimarkigas: "okazis [en *saturno*] unua-foja klara poezia alfronto —kvankam ankoraŭ iom intelekte kribrita— de amo kaj amoro". Mi konsentas kun la portugalo. Ie kaj tie ekflagras tra la volumo sparkoj rivelantaj intimajn amo-vibrojn, kiuj plene tuŝas la korajn fibrojn de la leganto. Tamen, la intelekta karapaco, per kiu la aŭtoro kadras kaj kvazaŭ ŝirmas sian internan elfluadon, iom dampas aŭ eĉ fremdigas kelkajn intimajn kordojn de lia propra sent-maniero. Aŭ povas esti, ke mi simple eraras, kaj poeto rajtas ja ne malkovri siajn plej kaŝitajn korajn faldojn.

Malgraŭ ĉi lasta hezito, apenaŭ tuŝanta la esencon kaj ambicion de la poemaro, mi opinias *saturno* varme rekomendinda libro. Aldone, danke al la du-lingva eldono, hispan-lingva leganto ricevos ankoraŭ premion: kompari impresojn kaj spurojn —almenaŭ por la subskribinto ne ĉiam egal-efektajn— de ambaŭ versioj, hispana kaj esperanta.

*Joxemari Sarasua*




J. Camacho, *celakantoj*, Rotterdam, Bero, 2004, 119 p.

Lastatempe cirkulis onidiroj en Esperantujo pri unta kabeado de Camacho, sed la pasintjara sameldoneja publikigo de du poemaroj —*celakantoj kaj saturno*— emfaze dementas ĉian supozon. Eĉ pli elokventas la poemo sidanta sur la 92a paĝo de celakantoj:

*Laŭ Katulo*

Mi kacos vin en pugon kaj en buŝon,
idiot' Aŭrelio, sbir' Furio,
kredantaj, ke, finfine kaj kaprice
aŭ fuĝe mi forlasis esperanton.
Esperantujon decas repudii,
kaj tamen plu kultivi ties lingvon,
ĉar nek adverbo nek sufiks' ĉagrenas
sed la mensogoj, trompoj kaj perfidoj
per kiuj vi sterkadas vian vojon
al glor' aŭ al banana respubliko,
merderoj en ĉi mondo senkompata.
Ĉar mi okupas min pri realaĵoj
vi kredas, ke mi faris kiel Kabe?
Mi kacos vin en pugon kaj en buŝon.

Ni kontente deduktas, ke ne esperanto, sed kelkaj esperantistoj ĝenas la poeton. Aŭ ĉu efektive ankaŭ la lingvo? Juĝu mem per alia poemo, ĉi-foje komuna kun la poemaro *saturno*:

Trapezoj

Dudek jarojn mi dediĉis
al la kvadraturo de unu cirklo,
absorbite,
pende de trapezo.

De nun, ni ludu per fraktaloj,
kun la fajro,
kun miraĝoj alitipaj.

Ekzemple, ni desegnu
arabeskojn.

Pri ĉi poemo la aŭtoro publikigis artikolon en *Fonto* (2001). Li asertis i.a.:

"Sed, por tiu volanta vidi, la imperiestro nudas. Jam antaŭ longete ankaŭ mi perdis la entuziasmon [pri esperanto]. De jaregoj mi ne plu provas varbi iun ajn per niaj kutimaj, duonfalsaj argumentoj. (...) Mi ja admiras la lingvon esperanto; sed la afero esperanto, kiun mi lastatempe opiniis "nobla hobio", nun, kiel hobio, enuigas min. Mi fajfas pri la sorto de niaj institucioj aŭ pri la estontado de nia lingvo. La mondo, la tuta mondo, kun ĉiuj siaj loĝantoj, montriĝas multe pli vasta kaj interesa: sufiĉas legi la unuan paĝon de grava nacilingva ĵurnalo en iu ajn tago de la semajno.

(...) Al esperanto mi dediĉis amason da tempo kaj energio, pri kio mi, ĥaosulo kaj pigrulo, ne pentas. Al mia lernado de esperanto mi ŝuldas multon: geamikojn, legojn, vojaĝojn, alian vidon kaj komprenon de la mondo, nerekte eĉ mian nunan laboron. Sed tio ne sufiĉas por eterne. Multaj aliaj aferoj jen zorgigas, jen plezurigas min, okupas pli vive kaj freŝe miajn minutojn kaj mian atenton. Resume: iom post iom mi sukcesis redoni al esperanto la lokon kiun (miaopinie) ĝi meritas en mia vivo. Kaj ĝi restas ne tro granda."

Nu, eble ne tro granda, tamen restas, feliĉe restas. Kaj ni, admiremaj legantoj, povas nur danki lin pro tio.

La libro *celakantoj* signas la plenan artan maturiĝon de Camacho, la elprovadon de lia poeta kapablo, la pinton de lia rafinita poezio – ĝis nun. Multaj el ĉi poemoj legeblis disde en revuoj, sed libroforme aperis nur lia parto en *Ibere libere* (1993), komuna poemaro kun Liven Dek, Miguel Fernández kaj Gonçalo Neves, eldonita kiam Camacho junis 26-jare. La aŭtoro saĝe decidis inkludi ilin en *celakantoj*, eventuale por pli bone sekvi lian evoluon enhavan, stilan kaj forman. Jam en *Ibere libere* li montriĝis originala voĉo en nia parnaso per plenmano da poemoj. Nur ok aperis tiulibre, tamen sufiĉaj por riveli lian beletran kvaliton kaj almenaŭ du el liaj jam ŝatataj temoj: dio ne ekzistas (*miraklo*) kaj lirika amo neniam tro eksplicita (*viajn*, *kiel*, *mi*). Samepokas *januara* (eksigita siatempe el *Ibere libere*), kiu tuŝas politikon, alian el la ĉeftemoj de Camacho.

Kio estas en *celakantoj*? Kune kun *saturno*, enestas ĉiuj enlibrigindaj poemoj de la aŭtoro inter 1989 kaj 2004, cetere aranĝitaj nur laŭ dato de verkado, ne laŭ temaj unuoj. Rimarkeblas evoluo post *Ibere libere*, ĉefe metafore kaj trope, sed ja plu estas karakterizaj ripetoj kaj rim(et)oj ne nur sonaj sed ankaŭ vortaj kaj semantikaj. Jen ekzemple kaj resume la poemo *La vivo*:

Senecela kanto
—la vivo, kiel maroj
sen celakanto.

Por fari ĉi recenzon mi legis samtempe la alian ĵus eldonitan poemaron, *saturno*, kaj ricevis la impreson, ke Camacho dise rimas iom senzorge aŭ ne tro atentas pri piedoj... Tamen sufiĉe multaj poemoj en *celakantoj* sekvas striktan metrikon. Nu, kun aŭ sen rigora metriko, la aŭtoro ja elmontras lertan metiismon diversloke, ekzemple en *mi*, kiu tenas poemo-longan rimadon per maloftega finaĵo *-uas* (enuas, ĝuas, evoluas, batuas, asiduas...): ĉu intenca kontrastigo?

Enhave la nuna Camacho havas ligojn kun la Auld de *La infana raso*, kvankam spirite pli proksimas al Ragnarsson kaj Edwin de Kock, al iliaj skeptikismo kaj pesimismo. Ekster Esperantujo li videble ricevis influon de ~ajam, Kavafis, Pessoa... Kelkaj poemoj en *celakantoj* estas laŭtlegindaj, kaj ni trovas verajn majstraĵojn (foje mallongajn —kaj trafajn!), ekzemple *Trapezoj*, *mi*, *kaj*, *ju* aŭ ĉe *dompordo* (la "galabijo en Bruselo" en la postparolo de Mauro Nervi). Aparte elstaras, laŭ mia gusto, *Oksfordo*, poemo forme perfekta kaj tre kamaĉeska:

(...) Pulsas plue la potenca
anim' de librotekoj, plenmatura,
aroma por eterne kun la puro
de spitaj, spritaj, splitaj konscienco j.

Kaj la juvelo en la libro: *Monologo kun Mediteraneo*, poemo verkita en 1993 preskaŭ 200 versojn longa, kompreneble ankaŭ teknike kaj disvolve senriproĉa, kiu ja meritus apartan studeton. Ĝi plenas de memorindaj versoj —kiel aliaj poemoj ĉi-kolektaj— kaj la aŭtoro rakontas impresojn kaj pensojn pri la jugoslavia milito:

Ĉar viroj armisticos, viroj paktos,
kaj post la ritaj jeso kaj konfeso,
ĉi viroj siajn krimojn intermiksos
(...)
En la vilaĝo ĉio antaŭtimas.
Tagiĝas. Viraj ombroj en la valo
avancas, kuras, rampas kaj atendas.
Unuaj pafoj. Iu mortas ie.
(...)
La virojn ekzekutas. Kaj la inojn?
La inojn la soldatoj forkondukas
fiere al la tendoj kaj kabanoj.
(...)
-Ĉu ankaŭ vi -la maro min demandas-
obee trudus vin en fremdan sinon
pluroble sendefendan? Ĉu vi povus
konverti vin en ŝikan kanibalon,
en hidan kaj senbridan mizoginon?
(...)
Ĉu ni konas nin mem? Nia interno

kavernas, grotas, antras nesondeble.
(...)
La sekvo klaras, Mar': nenio nova.
Atako kaj okupo sin proklamas.
Detruo. Morto. Rompo de himenoj
kiel en Trojo, Varsovi', Bizanco:
aktoroj fluas, nur la armo samas.
(...)
En la rutin' kaj pigro miaurbaj
virga knabino ridas malamare.
Rankoro ĝermas inter blindiĝintoj,
en viroj remanencas prainstinktoj
kaj la maten' odoras pubohare."

Nesurprize, Auld angligis la poemon. En ĝi aperas alia el la aŭtoraj ĉeftemoj:

En ĉi epoko naŭze egoisma
neniu volas agi plu, personi,
esti si mem, individui plene,
sed nure parti, membri sendecide.
En ĉi epoko oni volas oni.

Omaĝoj kaj malomaĝoj —kiujn la leganto malkovru— iom tro abundas ĉi-libre (Auld, Boulton, Carr, Fernández, Georg Silber, Katulo, Le Puil, Liven Dek, Meva Maron, Régulo, Trifonĉovski, Waringhien...). Kaj ankaŭ al liaj e-aj gepatroj, Ada Sikorska kaj Ghian Carlo Fighiera en la libro-dediĉo —plus omaĝo al la veraj gepatroj en la dediĉo de saturno, Anastasio Camacho kaj María Cordón.

Labore, iom post iom, ni konas facetojn de la verkisto, ĉar li montras sian intimon, ĉefe sian aman mondon, nur po etaj dozoj... Preskaŭ ĉion ni devas diveni: Ŝajne iel-ial rilatas al amo *Ĉu mi konas vin...*, *viajn*, *mi*, *ju* kaj *Varapisto*, eble kaŝa am-poemo. Pri lirikaj sentoj Camacho ja parolas malfacile...

La neekzisto de dio reaperas en *Damo kaj infano*, plus la ideo de morto, same kiel en *Oldiĝo*, kiu insistas pri unu el la verkistaj obsedoj, nome tempopaso. Ĉi poemon konsistigas nur tri trafaj linioj:

Ĉiu-angule
kaj -molekule velki
aŭ nelgi.

Kaj en *El Urana Romancaro* miksiĝas du el la ĉeftemoj de la aŭtoro en vesto de facile lirlaj versoj, nome dioj maleblas kaj "vivo estas revokrevo", spicita per humureca enhavo kaj formo. Ĝuste humuron ni ja trovas plur-poeme, ekzemple en *La melono* —primovada amuziĝo—, *Katastrofoj*, *Feliĉan LKK-naskalon!*, *Emancipo*, *Orela homo*... Kurioze, kelkaj poemoj kamaĉaj —se mi rajtas uzi ĉi vorton— estas kantotekstoj por E-muzikgrupoj. Kaj fine la delica satiro *Pri t.n. bestorajtoj*, kun simpatia zamenhofaĵo en la tria parto: "Leono estas besto".

Ne ĉio brilas tamen en *celakantoj*: Foje nin surprizas ne veraj poemoj, sed nur ideoj aŭ etosoj por (kreotaj) poemoj, kiujn la aŭtoro ne sukcesis plene disvolvi. Bedaŭrinde, ĉar la libro povus esti ronde perfekta... Mi pensas pri *Freneziĝinto*, *Scienca enigmo*, *En la parko*, *kaŭras* kaj *nokto*. Ĉi lastan eĉ la aŭtoro agnoskas malbona 109a-paĝe —Kial do konservi ĝin ĉi-libre?




La retpaĝo pri la **64a Hispana Kongreso de Esperanto**, okazonta en Alcalá de Henares de la 7a ĝis la 10a Julio 2005, troveblas ĉe:
**www.esperanto-es.net** aŭ rekte ĉe:
**www.esperanto-es.net/congreso2005/**
Tie vi trovos ĉiajn necesajn informojn pri aniĝo:
**www.esperanto-es.net/congreso2005/formularo.htm**
Kotizoj, hoteloj, provizora programo, priskribo de la kongresurbo, ligiloj al paĝoj de la Urbodomo de Alcalá pri autobusoj, trajnoj, ktp.

Ĉar mi rajtas libere aludi ankaŭ la samtempe eldonitan dulingvan poemaron *saturno*, mi ja faros. Teorie *saturno* enhavas poemojn verkitajn en du lingvaj versioj paralelaj (hispane kaj esperante) plus kelkajn poemojn unulingvajn kun la responda traduko. Nu, mi simple ne kredas, ke tia verkado eblas, ĉar laŭ la gurdita sed ververe vera eldiro de Mallarmé, poemojn oni faras ne per ideoj aŭ pensoj sed ja per vortoj... Speciala simbolo indikas kiu poemo estas la originalo, kaj kiu, la traduko: Kial, se entute tio gravas nur por la aŭtoro? Kaj cetere, foje aperas kiel tradukoj ŝajnaj originaloj.

Tradukanto ĉiam estas trukanto: multe pli tradukanto de poemoj, same perfida kiel naiva, nekorektebla fiaskonto, kiu tamen elaĉetas sin per strebo al alta belo... Camacho apartenas al tia tribo de falsistoj kaj pretendas traduki —sin mem! Nu, eble ne tro atentu miajn lastajn vortojn... Prefere mi ripetu, ke *celakantoj* fakte markas mejloŝtonon en la esperanta poezio. Jen libro, kiun mi certe relegos.

*Antonio Valén*

## Averto al kongresontoj

Se vi intencas rezervi hotelon en Alcalá de Henares, bv. noti ke Hotelo Ciudad de Alcalá ne plu disponas ĉambrojn por la 9a Julio.

Notu ke eblas loĝi en Madrido, ĉar trajnoj kaj aŭtobusoj konstante ekiras al Alcalá. La trajnvojaĝo daŭras 35 minutojn ekde stacio Atocha. De Madrid-Chamartin ekiras al Alcalá trajnoj de la linioj C-2, C-7 kaj C-1 ĉiun okan minuton.

La buso ekiras ĉiun kvaronhoron ekde Intercambiador Avenida de América (metroo Avda. de América). Dum la tuta nokto estas servo de aŭtobusoj inter ambaŭ urboj ĉiuhore.

Se vi vojaĝas aŭte uzu la aŭtovojon A-2 (Madrido-Barcelono).

www.esperanto-es.net/congreso2005/

# Premiere



Jorge Camacho daŭre kreas en Esperanto. Jen, influite de sia februara mielvojaĝo en Japanujo, li verkis amaseton da japaneskoj. El ili ni premiere prezentas nun al la legantoj de Boletín la lastajn 5 tankaojn kaj 2 hajkojn:

**Dia volo**

Je Kristo kredi
kondukas al feliĉo.
Ja kristanismo
estas la unusola
plenvera superstiĉo.

15.3.2005

**Averto ĉe la pordo**

Nenial timu
elefanton, leonon
aŭ krokodilon.
En nia paradizo
atentu la gorilon.

29.3.2005

**Poetiko**

Poem' aspiru
al simplo eleganta
de salikok':
molo komforte sida
en ŝelo diamanta.

**Poetiko 2**

Poem-aspiro:
interne — blanki suke;
ŝele — smeraldi.
Poeto, vin demandu
ĉu do poemas piro.

**Heroeco**

Pasie, longe
kaj ĝis la fin' rezisti:
morti kingkonge.

**Ami kinon**

Kingkonga amo
kaj ĉarmo frankenŝtejna:
perfekta dramo.

**Ŝangrilao**

La paradizon
ni serĉas sur la tero
vane, sed dume
abunde sin proponas
anguloj de l' infero.

18.5.2005

# Kongresa Programo

## Ĵaŭde:

10:00 Akceptado kaj disdonado de dokumentoj.
11:00 Oficiala malfermo.
11:30 Festprelego "El Quijote y sus traducciones al esperanto" (José Antonio del Barrio).
12:00 Prelego: "1905: la revolucio de Einstein en Fiziko" (Manuel Pancorbo)
12:00 Kurso de esperanto. (Pedro Hernández)
13:00: Filmoj de Roman Dobrzynski: "Sieĝoj de Malborko" (Varsovio 2004) kaj "Valencio en fajro" (Varsovio 2004)" (Augusto Casquero).
13:00 Traduk-ateliero (Liven Dek).
14:00 Manĝo-paŭzo.

✓ Posttagmeze (nefiksita horo): Muzeo-Domo de Cervantes. Vizito kaj donacado de Kiĥoto.

## Vendrede

10:00 Prezentado de libroj: "Lastaj eldonoj de Barcelona Esperanto-Centro" (Salvador Aragay kaj Antonio Marco Botella).
10:00 Traduk-ateliero (Liven Dek).
11:00 Prelego: "Gigantoj kaj muelejoj de Esperantujo" (Jorge Camacho).
12:00 Prelego: "El Quijote imaginado" (Amelia Fernández).
13:00 Ateliero: "Gestuno" (Manuel Ortega).
14:00 Manĝo-paŭzo.
17:00 Ateliero: "Enkonduko en ornitologion" (Félix Lobo).
17:00 Kurso de esperanto (Pedro Hernández).
18:00 Prelego: "Sancho Panza legas la horon en la ĉielo: pri-astronomiaj komentoj al la 20a ĉapitro de la unua parto de "Don Quijote"." (David Galadí).
19:30 Prezentado: "Kosmologia Suito". (Pedro Vilarroig).
21:00: "Stelrigardada astronomia nokto" (David Galadí).

## Sabate

10:00 Prelego: "Naskiĝo de lingvo: de Bialistoko al Bulonjo" (Darío Rodríguez).
10:00 Traduk-ateliero (Liven Dek).

11:00 Malfermo de Libro-Servo.

11:00 Filmeto: "Donkiĥoto kaj la malkomunikiga sorĉo" (José Rodríguez).

11:00 Kunsido de SATeH.

12:00 Prezentado: "Projekto Kiĥoto-2005" (Miguel Ángel Sancho).

12:00 Kunsido pri ILEI (Gvidota de Augusto Casquero).

12:00 Kurseto por progresantoj: "Dubosolvado" (Antonio Valén).

13:00 Prezentado de libroj: "Saturno" kaj "Celakantoj": du poemaroj, kaj "Makako kaj Antono", de Alfredo Gómez Cerdá, tradukita de Pedro Ullate. (Jorge Camacho kaj Liven Dek).

14:00 Fermo de Libro-Servo.

14:00 Manĝo-paŭzo.

17:00 Ateliero: "Enkonduko en eskapismon" (David ~~Garrido~~ GUERRERO).

17:00 Kurso de esperanto (Pedro Hernández).

17:00 Estrarkunsido.

18:00 Prezento de filmo: "La pedalaŭto" (Subtitolita en esperanto).

19:30 Surpriza programero (José Antonio del Barrio).

## Dimanĉe

10:00 Ĝenerala kunsido de HEF-anoj.

11:00 Malfermo de Libro-Servo.

11:00 Babilado: "Esperanta junulara aktivado" (HEJS. Malferma al la publiko).

12:00 Omaĝo al Fernando de Diego.

13:00 Oficiala fermo.

14:00 Manĝo-paŭzo.

17:00 Turisma konatiĝo kun Alcalá de Henares.

## Ekspozicioj

Tia mi vidas Donkiĥoton: Pri la kontribuoj ricevitaj por la infana desegno-konkurso. Malferma al la ĝenerala publiko (Ana Manero).

Esperanto en la literaturo kaj literaturo en Esperanto. Malferma al la ĝenerala publiko (Ana Manero).




# 64a Hispana Esperanto-Kongreso

Alcalá de Henares (Madrid)

7a ĝis 10a de julio 2005

Servicio Municipal de Archivo y Biblioteca
Plaza San Julián nº 1

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Antaŭnomo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato (1) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . HEF-numero . . . . . . . . . . . .
Adreso. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Poŝtkodo . . . . . . . . . . . .
Urbo. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Telefono . . . . . . . . . . . .
Retadreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Faksilo . . . . . . . . . . . .

(2) Nur por statistiko

| | | |
|---|---|---|
| Kongreskotizoj | ĝis 05-05-31.. | poste |
| Membro de HEF | 30 € | 39 € |
| NE membro de HEF | 36 € | 45 € |
| Juna membro de HEF | 21 € | 27 € |
| Juna NE membro de HEF | 27 € | 33 € |
| Lernanto (Vidu la kondiĉojn sur la 10a paĝo) | | 10 € |
| Donaco | | ____ |
| ENTUTE: | | ____ |

Kotizu pere de UEA, konto "hefb-m", aŭ pere de ajna oficejo de BBVA, al Federación Española de Esperanto konto-numero: 0182-1252-33-0201517592.

Kunsendu la pagpruvilon kune kun ĉi aliĝilon al la suba adreso.

**Oni ne akceptos pagojn per bankĉeko aŭ poŝtmandato**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

---

Konstanta adreso: Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7; ES-28015 Madrid;
Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79; Rete: admin@esperanto-es.net

---

## Muzeo Naskiĝdomo

## de Cervantes

HEF kaj Fundación Esperanto faros donacon de unu ekzemplero de la esperanta traduko de “La inĝenia hidalgo Don Quijote de La Mancha” al la Muzeo funkcianta en la naskiĝdomo de Miguel de Cervantes en Alcalá de Henares.

La Muzeo enhavas meblaron de la epoko de Cervantes, kiu montras la vivmanieron de familio de klaso simila al tiu de la aŭtoro en la unuaj jaroj de lia vivo. En ĝi oni povas vidi ekspozicion de multaj tradukoj de la verko, al kiu aldoniĝos nun la esperanta versio.

La muzeo apartenas al la Madrida Aŭtonoma Komunumo, kaj la donacon akceptos la Ĝenerala Direktoro pri Arkivoj, Muzeoj kaj Bibliotekoj. Post la transdono, la gekongresanoj povos viziti la muzeon kaj ricevi klarigojn pri la vivo kaj epoko de la genia aŭtoro de Donkiĥoto.

www.museo-casa-natal-cervantes.org

*José Antonio del Barrio*






## Makako kaj Antono

de Alfredo Gómez Cerdá, kun desegnoj de Pedro Ullate López, kiu ankaŭ faris la tradukon.

La libro estas verkita por infanoj. Gxi prezentas klaran mesagxon per tre mallongaj tekstoj, kaj multaj, multaj amuzaj tutkoloraj desegnoj. Sur la dorso de gxia kovrilo oni legas:

<Makako kaj Antono laboras en vartrajno. Ili estasamikoj, sed ne pro tio ke ili laboras en la sama vartrajno. Ili estas malnovaj amikoj.

Dum la staciestro parolis, li ĉiam tordis la pintojn de siaj grandaj lipharoj kaj sonigis la sonorileton de la kajo. Tint-tint-tint! Kaj kiajn taskojn li postulis!

Makako kaj Antono akceptis ĉiun taskon. Ili ĉiam diris jes! Ĝis iun tagon...>

Sendube gxi estos bela donaco por infanoj de cxiuj agxoj

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora